XIIa jaro. No 174 (2) ☆ Monata ☆ 5 februaro 1915

# ESPERANTO

Oficiala organo de UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

JARA ABONO

**Ordinara eldono** . . . . . . . . 5.— Frankoj (2.— Sm.)
**Luksa eldono** . . . . . . . . . 6.25 Frankoj (2.50 Sm.)
*Svisa poštĉeka konto I. 824. — Oni akceptas nur tutjarajn abonojn.*
*La abonoj komenciĝas de la 1a de ĉiu monato*

REKLAMO

**Reklamo** (1 linio aŭ ĝia spaco) . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
**Anonceto** (1 linio: 10 vortoj) . . . . 0.40 Fr. (0.16 Sm.)
**Korespondado** (1 enskribo) . . . . . 0.50 Fr. (0.20 Sm.)
*Rabatoj: 4 enpresoj 10 %; 12 enpresoj 25 %; 24 enpresoj 50 %*

Direktoro: HECTOR HODLER — Redaktejo & Administrejo: 10, rue de la Bourse, GENÈVE (Svisujo)

TEKSTO



NUNTEMPAĴOJ

## PRI EMINENTULOJ

La nuna tempo plifortigis multajn antaŭjuĝojn. Ĝi ankaŭ diskrevigis kelkajn iluziojn. Inter tiuj lastaj mi esperas, ke grave minacata estas la kredo pri la spirita supereco de la „eminentuloj".

Eminentuloj ili efektive estis la oficialaj sciencistoj, verkistoj, pensuloj — laŭreatoj, akademianoj, ordenuloj, premiuloj — kiuj, en la penso de la profanoj, ne sole reprezentis la homan sciencon en ĝia plej alta grado, sed ankaŭ vole-nevole aperis kiel la spiritaj kondukantoj de nia moderna civilizacio, kies elito ili ŝajnis esti.

Respektataj, glorataj, potencaj, ili estis la pastroj de la Scienco, de la Scio, de la Prudento — de ĉio, kio altigas la homaron super la bestaro. Multajn diaĵojn kaj idolojn renversis la homoj en la daŭro de la historio, sed eĉ la plej renversemaj kliniĝis antaŭ la diaĵo Scienco, kaj kiam ĝiaj pastroj, forlasante siajn laborejojn, bonvolis ĵeti rigardon super la mondscenejo kaj prijuĝi la problemojn de la nuna horo, ĉiuj homoj atente aŭskultadis kaj respektplene komentariis la orakolojn, kiuj falis el la eminentulaj lipoj. Oni aŭdis adorantojn, kiuj bedaŭris, ke tiuj altaj spiritoj ne pli aktive interesiĝas pri la nunaj realaĵoj kaj tro restas en la kampo de la teorioj. Filozofoj eĉ ekzistis, kiuj revis pri homaro gvidata kaj regata de korporacioj el sciencistoj, pensuloj, filozofoj . . .

Kaj, jen, tiuj kondukantoj de la nekleraj popolamasoj fariĝis kondukatoj. Tiuj elituloj transformiĝis en servantojn. Meze de la nunaj katastrofoj, ĉirkaŭ la eksplodoj de malamoj kaj fanatikecoj, ili ne aŭdigis la moderigan voĉon de la eterna homa saĝo. Vana eble restus ilia protesto kontraŭ la milita frenezo, ĉar ne multe valoras nun vortoj. Sed restus la honoro, ke ili ĝin faris; restus la espero, ke ili, eminentaj sciencistoj, gloraj verkistoj, respektataj pensuloj, penas stari super la naciaj limoj kaj rifuzas senrezerve partopreni en la manifestacioj de ekskomunikado kaj netolerado, kiujn postulas la plej blinda kaj la plej kruda el la fanatikecoj: la genta fanatikeco. Silenti estus alia, malpli brava, sed deca protestmaniero, kiu akordiĝus kun la sereneco, kiun ni aljuĝas al la scienco. Sed protesti postulis tro da karaktero, kaj silenti signifis tro da modesteco. Ĉiulande ili do parolis. Ne por iel malakrigi la malamojn, ne por aŭdigi voĉon de prudento kaj kompato, ne por antaŭgardi la popolamasojn kontraŭ la trograndigoj de la naciaj pasioj, ne por admoni la homojn, ke homoj ili restu! Ne, sian klerecon ili servigis por pravigi ĉiujn plenumitajn faktojn; ĉian inklinon al justeco kaj reciproka komprenemo ili forĵetis; al ĉiuj impulsoj de la pasioj ili cedis, kaj anstataŭ limigi la fajron ili ĉion faris por ĝin intensigi.

Kelkaj el tiuj eminentuloj jam de longe forĝis kaj predikis doktrinojn de malamo kaj mortigo, ĉar ilia unuflanka spirito vidis en la historio nur la regadon de la krudaj fortoj. Aprobi aŭ pravigi la nunan katastrofon ili ne bezonis; ĝi ja konfirmis iliajn teoriojn (aŭ ĉu iliaj teorioj ne igis la militon pli akceptebla, kaj sekve pli ebla?). Sed aliaj ŝatis pacemajn idealojn; ili volonte predikis la regadon de la justeco intergenta kaj anoncis, ke la scienco, la kulturo reunuigos la homojn. Tuj, ili forĵetis sian idealon aŭ kripligis ĝin, kaj, por pardonigi siajn „erarojn", ili pli laŭte kriis, kaj el iliaj buŝoj eliras strangaĵoj, kiuj nuligas ĉion de ili antaŭe diritan.

Ĝeneraligi konstaton kaj kondamni tutan korporacion pro la eraroj aŭ devojiĝoj de kelkaj, eĉ multaj, el ĝiaj anoj, oni neniam devas. Mi estas certa, ke iuj kleruloj interne malaprobas kaj hontiĝas. La publiko ne atentas pri ili; ĝi nur aŭdas la kriojn de la eminentuloj, kiuj per scienco-

vestitaj artikoloj penas nutri la antaŭjuĝojn kaj rebarbarigi la homaron.

La sintenado de la „elituloj" mirigis kaj iafoje konsternis. Tamen, la klarigo de tiu fenomeno ne estas malfacila. Komprenınte ĝin, ni fariĝos pli indulgemaj al la aŭtoroj de tiuj ekscitoj kaj estonte malpli atentemaj pri iliaj opinioj. Antaŭ ĉio sciencisto, pensulo, verkisto, estas homo. Liaj agoj, kiel ĉe ĉiuj homoj, estas regataj ne nur de la racio, sed ankaŭ — precipe — de la sentoj. Kiam li agas en sia fako, scienculo laboras en la kampo de la racio. Al sia studaĵo li aplikas aŭ penas apliki severe sciencan metodon: nenion aserti, kio ne estis zorge observita, kontrolita, eksperimentita; priatenti senpartie kaj objektive ĉiujn faktojn, nenion bazi sur dubaj analogiaĵoj aŭ senfundamentaj hipotezoj. Sed, plej ofte, elirante el sia specialaĵo kaj enpenetrante la vivon, la scienculo tiam, rilate al la opinioj kaj juĝoj, refariĝas simila al ĉiuj homoj, ĉe kiuj sentoj kaj instinktoj estas ĉefa motoro de agado. Li kredas ankoraŭ paroli en la nomo de la racio, sed li nur uzas la lingvon kaj eksterajn formojn de la racio por esprimi opiniojn aŭ ideojn sin apogantajn sur la sentoj, la instinktoj, la pasioj. Tiel, povas klariĝi faktoj unuavide strangaj: Tia scienculo, tre prudenta kaj racia en sia fako — fiziko, ĥemio, juro, filozofio — agas tute malracie en sia privata vivo. Ekstreme skeptika kaj singardema pri ĉio, kio koncernas lian specialaĵon, li ekster ĝi fariĝas ofte tre naiva kaj mirige kredema. Alia, tre severa en sia metodo aplikata al difinita studaĵo, ripetanta multfoje eksperimenton aŭ elpensanta ĉiuspecajn kontrolojn de siaj observoj, antaŭ ol publike elmeti sian opinion, tre akra kontraŭ kolegoj nesufiĉe metodemaj kaj raciaj, ne timas — ekster sia fako — juĝi tutan popolon laŭ kelkaj individuoj aŭ kelkaj malmulte konataj libroj, ekskomuniki naciojn, kiujn li ne konas, solvi komplikajn demandojn sen ia ajn ekzameno kaj ofte sen la plej supraja informiĝo, unuvorte agi laŭ sia fantazio, submetante al ĝi la faktojn.

Trans la kampo de ili ordinare plugita, la kritiksento kaj observemo ĉe scienculoj aŭ literaturistoj estas surprizige nuligataj. Kiam, pli malfrue, oni relegos la skribaĵojn de niaj eminentaj samtempuloj — se oni ilin relegas — rilate al la nunaj okazantaĵoj, oni miros, kiel unuflankaj, malĝustaj, banalaj ili estis. Maloftaj estas ĉe ili noblaj aŭ grandaj pensoj; kontraŭe, oni trovos multajn diskutaĉojn, atakojn, miopajn konsiderojn. En tiu rilato ofte tre superaj estas la leteroj, kiujn skribas militistoj el la batalkampo. Pli sinceraj ili estas, pli noblaj, ĉar travivitaj kaj skribitaj per sango, pli justaj al la malamiko ankaŭ. La viroj, kiuj sin reciproke pafas ĉe la batalo, pli rapide repaciĝos ol la eminentuloj ĉiuspecaj kaj ĉiulandaj, kiuj en la gazetoj havas la facilan taskon eksciti la malamojn.

En lasta artikolo mi aludis pri la necesaj „elitoj", kiuj altigos sian rigardon super la naciaj limoj. Oni povas antaŭvidi, ke en tiuj elitoj ne partoprenos multaj eminentuloj. Tiuj ĉi montris per siaj agoj, ke same kiel ĉiuj homoj kaj eĉ en malpli facile kuracebla grado, ili estas submetataj al la premado de la gentaj pasioj. Por puŝi la homaron al novaj vojoj, la karaktero estos pli necesa ol la scienco.

La popolo suferas kaj ĝemas. Senkulpa ĝi estas la viktimo de fatalaĵoj, kiujn ĝiaj kondukantoj neniam sincere penis dispeli. Ni esperu, ke el ĝia mizero mem naskiĝos la savontoj, kiuj disrompos la barojn kaj reunuigos la homaron.

*H. Hodler.*

---

 SOCIA VIVO 

## La viktimoj de la milito

La rektaj kaj nerektaj viktimoj de la monda milito estas tiel multaj, ĉu ĉe familioj, ĉu ĉe izolaj individuoj, ke estas tre malfacile, ilin grupigi laŭ kategorioj, kaj havigi ĝeneralan ideon pri la helpoj al ili donataj. Tiu ekzameno tamen fariĝis urĝa necesaĵo. Senplane disdonataj helpoj riskus kaŭzi disperdon de fortoj, precipe en tiu momento, kiam oni devas ŝpari la rimedojn. Flanke de stranga nescio ankoraŭ ekzistanta ĉe la plej vastaj rondoj, aperas kun terura klareco, kiel malgranda kaj limigita estas la homa antaŭzorgemo kaj kiel nesufiĉaj estas la aranĝoj faritaj dum paca tempo. Tiun konfuzon oni povus kompari kun formikejo, kies lertan konstruaĵon disdetruus senskrupula bastono de homa monstro.

La sekvanta klarigo, necese konciza, povos utili kiel direktilo al la informiĝemaj personoj. Ĝi tiel permesos organizi la diversajn penadojn de ĉiuj, kiuj serĉas iel malpligravigi la teruregajn konsekvencojn de la monda milito.

### *I. La mortintoj*

La plej rektaj viktimoj de la konflikto estas la viroj falantaj sur la batalkampo. La Ĝeneva Konvencio, en la reviziita teksto de la 6 julio 1906, decidis, ke ili estu protektataj kontraŭ la rabado kaj malbona traktado.

La armeo elvenkinta la batalkampon devas zorge inspektadi la kadavrojn antaŭ ol ilin enterigi aŭ bruligi, por eviti, ke soldatoj estu vive entombigataj. Krome ĉiu el la militantaj armeoj devas kiel eble plej baldaŭ havigi al la registaro aŭ militista aŭtoritato de la kontraŭulo la legitimaciajn medalojn, militistajn libretojn aŭ aliajn karakterizajn insignojn trovitajn ĉe la mortintoj. La objektoj por persona uzo, valoraĵoj, leteroj, ktp., kolektitaj sur la batalkampo kaj forlasitaj de la viroj mortigitaj aŭ mortintaj ĉe la hospitaloj, devas esti kolektataj kaj transdonataj al la heredantoj per la aŭtoritatoj de ilia origina lando. Oni antaŭvidis inter la militantaj regnoj nenian centran ekspedoficejon por tiaj legitimaciaj medaloj aŭ por la personaj objektoj; la interŝanĝado estas lasata al la bonvolo kaj sendube al la reciprokaj interesoj de la militantaj landoj.

Rilate al la signifo de la Ĝeneva Konvencio, ni rimarku, ke en ĝenerala maniero ĝi estas aplikebla je ĉiuj militistoj kaj ĉiuj aliaj personoj, kiuj oficiale partoprenas en la armeo, do al la batalantoj kaj nebatalantoj tiom kiom tiuj lastaj estas enregimentigitaj. Ĝi sekve aplikiĝas ankaŭ al la militistaj pastroj, al la sanitaristoj kaj al la mobilizitaj oficistoj de la militadministrado.

### *II. La vunditoj kaj la malsanuloj*

Tiu sama Ĝeneva Konvencio ne sole ordonas protekti la vunditojn kaj malsanulojn kontraŭ la hienoj de la batalkampo. Ĝi ankaŭ ordonas, ke oni ilin traktu kaj flegu sen diferenco pri nacieco. Se ili estas kaptataj de la malamiko, ili ĉiumaniere estas konsiderataj kiel militkaptitoj, sed, ĝis ilia resaniĝo, oni devas ilin humane traktadi. Estas permesite, sekve de memvolaj interkonsentoj inter la militantaj regnoj, ilin interŝanĝi, ilin rekonduki al ilia origina patrujo aŭ ilin transsendi al neŭtralaj ŝtatoj. Ĉiu militanta regno havas la devon starigi liston de la malsanuloj kaj vunditoj kaptitaj kaj ĝin ekspedigi al la registaro aŭ al la militista aŭtoritato de la kontraŭulo.

La militantaj landoj devas sin reciproke informadi pri la respektivaj restlokoj de la malsanuloj kaj vunditoj, pri ilia transporto en hospitaloj kaj pri la mortoj.

Okaze de la Konferenco por la revizio de la Ĝeneva Konvencio de 1906, oni konstatis la bonajn rezultatojn, kiujn atingis tiu interŝanĝado de informoj ĉe la rusa-japana milito. Je tiu epoko oni ne pensis pri monda milito. Tial oni malzorgis organizi jam en paca tempo neŭtralan centran oficejon (en Ĝenevo) por la transdonado de novaĵoj pri la vunditoj kaj malsanuloj. Cetere oni volis starigi en Svisujo nenian novan internacian oficejon, kaj, sekve de tro granda deteniĝemo trudita de materialaj kaŭzoj, oni ne deziris krei tian centrejon. Tiu malzorgo forte venĝas nun, kiam la duono de Eŭropo militas. La prokrastoj ĉe la transdonado de la listoj de mortintoj kaj vunditoj, pro manko de konstanta alcentriga organo, estas dolore sentebla. Tiu manko en la Ĝeneva Konvencio devas ĉiuokaze esti forigata ĉe proksima revizio.

*III. La sanitaristoj*

La personoj ekskluzive komisiataj je la akceptado, transportado kaj flegado de la malsanuloj kaj vunditoj, la administrantoj de sanitaraj instalaĵoj (moveblaj ambulancoj aŭ daŭraj lazaretoj kaj hospitaloj), same kiel la membroj de memvolaj helpsocietoj ŝtate rekonataj kaj, post reciproka informado, alligataj al la armeo — tiaj estas la Ruĝkrucaj Societoj — havas la internacian signon: blanka brakbanto kun ruĝa kruco. Se ili ne surhavas uniformon, ili ricevas personajn legitimaciojn. Laŭ la Ĝeneva Konvencio ĉiuj tiuj personoj rajtas ĉiuokaze postuli bonan traktadon kaj protektadon. Ili ne povas esti konsiderataj, nek traktataj, kiel militkaptitoj, en la okazo se ilin kaptus la malamiko. Ili daŭras servi laŭ la samaj kondiĉoj, al kiuj ili estis submetataj en la origina armeo kaj ricevas la saman pagon. Se la kunlaborado ĉe la malamiko ĉesas esti konsiderata kiel necesa, ili estos per la plej bona vojo alkondukataj al sia armeo aŭ origina lando en la tempolimoj fiksitaj de la militistaj postuloj; ili rericevos la objektojn, ilojn, armilojn kaj ĉevalojn, kiuj estas ilia privata posedaĵo. Tio klarigas la pasadon de germanaj kaj francaj sanitaristoj tra Svisujo, ĉar tiu vojo estas konsiderata kiel la plej certa kaj mallonga por la rehejmigoj.

Fine, la regnoj interkonsentis alpreni la necesajn decidojn por konigi al siaj trupoj, speciale al la sanitaraj, kaj al sia loĝantaro la enhavon de la Ĝeneva Konvencio. La milito okazis tiel subite ke tre ofte, en la rapidemo, tiuj decidoj ne povis esti alprenitaj aŭ estis en nekompleta maniero. La mankoj en tiu rilato estas evidentaj.

*IV. La militkaptitoj*

La traktado de la militkaptitoj devas esti humana. Por ĝin fiksi ekzistas dekses artikoloj de la „Regularo de la militleĝoj kaj kutimoj", voĉdonita en Hago je 1899 kaj reviziita la 18 oktobro 1907.

La militkaptitoj devas esti traktataj kiel la trupoj. Estas permesite, ĝis la konkludo de la paco, ilin uzi por civilaj laboroj allasantaj salajron. Kiam komencas la militagoj, ĉiu militanta regno malfermas informoficejon por militkaptitoj. Tiu oficejo devas starigi personajn slipojn, kiuj permesas respondi ĉiun demandon pri restado, transportado, liberigo, interŝanĝo, vundo, malsano kaj morto de la militkaptitoj. Ĉiu oficejo devas ankaŭ kolekti la personajn objektojn trovitajn sur la batalkampo aŭ lasitajn de mortintaj kaptitoj en hospitaloj, kaj ilin transsendi al la heredantoj. Tiuj sendaĵoj fariĝas senafranke; tiu decido estis aldonita al la Konvencio de la Poŝta Unio, reviziita en Romo je 1906 (art. 11, § 4). Ĉar la vunditoj, kiuj estas kaptataj de la malamiko estas ankaŭ konsiderataj kiel militkaptitoj, la samaj aranĝoj de la informoficejoj devas aplikiĝi al ĉiuj militkaptitoj, vunditaj aŭ ne.

En tiu kampo ekstreme utila montriĝis privata iniciato de la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco en Ĝenevo, memvola centra organo de la ĉiulandaj Ruĝkrucaj Societoj. Ĉar la Haga Konvencio antaŭvidis, tie ĉi ankaŭ, nenian centran oficejon por interrilatigi la diversajn naciajn oficejojn, la Ĝeneva Komitato fondis Agentejon de la militkaptitoj, por servi, dum la monda milito, kiel ligilo inter ĉiuj personoj petantaj informojn pri la sennombraj militkaptitoj.

La Komitato ĉiuokaze povis sin rilatigi al la rezolucio de la naŭa Konferenco de la Ruĝa Kruco en Washington la 10 majo 1912. Ĝi esprimas la deziron, ke la Ruĝkrucaj Societoj, kiel naturaj organoj destinataj helpi al la militkaptitoj, jam starigu, dum paca tempo, specialajn komisionojn komisiitajn por, dum milita tempo, transdoni al la Ĝeneva Komitato diversajn helpojn kun la tasko ilin disdoni laŭ bontrovo. Sed la laboro nun plenumata en Ĝenevo, kien ĉiutage alvenas miloj de leteroj, multe superas la taskon, kiun la Ruĝkrucaj Societoj volis alkonfidi al sia centra Komitato. Ĝi havigos al ĉi tiu ĉies dankadon. Nur dezirinde estas, ke ĝi pro nesufiĉo de financa apogo ne estu malhelpata superi ĉiujn malfacilaĵojn kaj alkonduki al bona solvo ĝiajn projektojn de nobla antaŭzorgemo.

(*Daŭrigota.*)

*Prof. D-ro E. Rœthlisberger,*
Direktoro de la svisa oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj.

Trad.: *A. R.*

---

## La internaciaj organizaĵoj kaj la milito

La Internacia Pac-Oficejo en Bern sendis al la diversaj internaciaj organizaĵoj la jenan alvokon, kiun ni represas pro ĝia ĝenerala intereso:

„La Konsilantaro de la Internacia Pac-Oficejo, kunveninta en Bern la 6 – 7 januaro 1915, decidis sin turni al ĉiuj internaciaj organizaĵoj, kaj peti ilian helpon kaj kunlaboradon.

„En tiu tempo de funebro kaj dubo, necese estas, ke ne malesperu tiuj, kiuj laboris por la alproksimigo de la homoj kaj de la popoloj malgraŭ la landlimoj, en ĉiuj fakoj de la scienco, arto, moralo, industrio, kaj komerco; ili persiste penu daŭrigi la entreprenojn, al kiuj ili sin dediĉis, kaj konservi kiel eble plej intimaj la internaciajn rilatojn, kies iniciatintoj kaj gardantoj ili estas.

„La plorindaj okazantaĵoj, kiuj dissemis Eŭropon je fajro kaj sango, kaj disvastigis la militon ĝis Azio kaj Afriko, feliĉe ne estas absoluta malhelpo por la interŝanĝado de ideoj kaj esperoj. Tuj kiam finita estos la abomena konflikto, kiu teruriĝas la mondon, la kontaktoj inter individuoj de la plej diversaj nacioj nepre interligiĝos. La bezonoj, kiuj al la homoj trudis la disvolviĝon de iliaj internaciaj rilatoj estos denove senteblaj kaj cetere ne estis neniigitaj.

„La homoj, kiuj sindone agis por krei inter ĉiurasaj kaj ĉiunaciaj individuoj kunlaboradon necesegan al la progreso kaj al la komuna prospero, havas la devon daŭrigi sian taskon kaj ĝin energie plenumi. Je la tago, kiam estos konkludita la paco, ĉiuj influoj, kiuj povas helpi je la kvietigo de la pasioj, devas esti viglaj kaj aktivaj. Al ili pli speciale apartenas la sankta tasko malpligrandigi la malkompreniĝojn kaj dispeli la antaŭjuĝojn. Per sia ekzemplo ili devos montri al la homoj kaj al la registaroj, ke ekzistas kolektivaj interesoj superaj je ĉiuj malamoj kaj je ĉiu venĝemo. Ili devas esti kvazaŭ la elokventa pruvo, ke la milito estas nur nenormala, malsana, escepta stato de la homaro, kaj ke ilia penado respondas al la natura kaj necesa evolucio de la popoloj. Vane iuj naciaj grupiĝoj eksiĝis el la internaciaj asocioj, en kiuj ili partoprenis. Malgraŭ tiuj bedaŭrindaj

eksiĝoj, la asocioj tamen daŭrigos ekzisti kaj disvolviĝi.[1] Tiuj, kiuj forlasis la komunan entreprenon, estos la unuaj, kiuj suferos de tio, kaj ili suferos solaj. Vane ili estos penintaj malhelpi la antaŭeniradon de fenomeno, kies amplekso superas la volon de malplimulto, kiel ajn potenca ĝi estas.

„Ni esperas, ke je la momento, kiun ni volas kredi proksima, de la pactraktadoj, la gvidantoj de la internaciaj asocioj bonvolos apogi ĉe siaj membroj la proponojn, kiuj celos eviti en la estonteco la reokazon de la teruriga dramo, kies rigardantoj aŭ nevolaj agantoj ni estas. Nur per kiel eble plej unuanima konsento de la publika tutmonda opinio pri tiuj proponoj, estos kreebla stato kaj organizo kapablaj antaŭgardi la internaciajn konfliktojn kaj ilin solvi per pacaj rimedoj.

„Kiel ajn modesta kaj speciala estas la celo de internacia organizo, ĝi tamen estas necesega ero en la ĉeno, kiu ligas la popolojn unu al la alia, kaj ĝi povas vivi kaj fortiĝi nur en atmosfero de solidareco kaj paco.

„Ni estas konvinkitaj, ke vi volos viaflanke partopreni je la starigo de tiu necesa periodo de konkordo kaj interkonsento, dum kiu la internacia kunlaborado povos pligrandiĝi ĝis neesperita grado por la beno de la tuta homaro."

En nomo de la Internacia Pac-Oficejo,
Ĝenerala sekretario: *H. Golay.* Prezidanto: *H. LaFontaine.*

La proponoj, pri kiuj unuanime interkonsentis la Konsilantaro de la Internacia Pac-Oficejo estas la jenaj:

1ᵉ Interveno de la neŭtralaj ŝtatoj en la starigo de la estonta paco.

2ᵉ Respekto al la rajto de la popoloj libere decidi pri ilia destino. Nenia aneksado okazos sen la libera konsento de la loĝantaro. En la landoj kun pluraj nacieco j, la rajtoj de la malplimultoj devos esti garantiataj.

3ᵉ Organizado de internacia konstanta juĝantaro.

4ᵉ Limigo de la armadoj. Eksproprigo de la fabrikejoj de militiloj.

5ᵉ Senkaŝa diplomatio. Nuleco de la sekretaj traktatoj kaj de ĉiuj konvencioj ne aprobitaj de la balotitaj reprezentantoj de la popoloj.

6ᵉ Forigo kaj malpermeso de ĉiu ataka aŭ defenda kunligo.

7ᵉ Reĝimo de la „nefermita pordo" por la kolonioj. Paŝoj al la libera interŝanĝo inter la landoj. Forigo de ĉia komerca privilegio je la profito de ŝtato aŭ grupo de ŝtatoj.

8ᵉ Ĉiulanda starigo de punleĝoj kontraŭ la kalumnioj kaj insultoj direktataj per la gazetaro aŭ ĉiu alia rimedo kontraŭ la fremdaj nacioj.

9ᵉ Kunvoko de la Pac-Konferenco, kiu antaŭ ĉio havos la taskon fiksi sian konstantan karakteron kaj regulan kunsidadon.

---

## Kristnasko ĉe la hospitalo

La tagon antaŭ Kristnasko estis ĝoja tumulto en la ĉambroj de la vasta militista hospitalo. La flegistinoj, helpataj de la validaj soldatoj, alpendigis laŭ la muroj hedergirlandojn, alligis al la lustroj viskobukedojn, dissemis la foliarojn de paperfloroj, kiujn penis elfari la dikaj mallertaj manoj de la resaniĝantoj. Tiel ornamita la hospitalo alprenis ŝajnon — ne de festo, ĉar apud tiel grave vunditaj kamaradoj, tiu vorto ne povus esti elparolata — sed ŝajnon de familia solenaĵo, kiu igis revemaj la soldatojn; pri la hejmo ili pensis. Kaj tra ĉiuj ridetoj oni sentis, ke proksimaj estas la larmoj.

Matene la 25an de decembro, ĉiuj, kiuj povis leviĝi, estis frue pretaj por iri al la kapelo najbara al la hospitalo. Laŭlonge de la grandaj ŝtuparoj estis kortuŝa procesio: ĉiuj tiuj junuloj sin apogantaj sur lambastonoj singardeme malsuprenirantaj observate de la kamaradoj, tiuj amputitoj, tiuj kranioboritoj kun bandaĝita kapo, tiuj malplenaj manikoj, tiuj brakoj senmovigitaj, tiuj ondiĝantaj pantalonoj retiritaj kaj pinglitaj. Sur la uniformoj pli blankaj aperis la bandaĝoj. Multaj viroj eliris la unuan fojon.

— Mi ne ankoraŭ kutimas..... diris dek-naŭjara infanvizaĝa soldato, amputita, sed baldaŭ mi iros pli rapide.

Li ĝoje ridetis, sen ia bedaŭreto, sen ia atento pri la heroeco de siaj vortoj. En la grandaj galerioj, dum la flegistinoj preparis la manĝilaron, florornamis la tablotukojn per diantoj kaj violoj, oni disdonis la feliĉigilojn, la Kristnaskan kaj la oran aŭ arĝentan ŝueton, kiun la soldatoj devis surporti alpinglite ĉe sia tuniko. Iliaj vizaĝoj subite sereniĝis. Ili ridis kiel dorlotataj infanoj, kaj se pro neatento unu el ili estis forgesita, li ekhavis kompatindan mienon de knabo senigita je plezuraĵo. En la ĉambroj la litkuŝantaj soldatoj ekleviĝis, rigardis nin alpingli la viskon ĉe ilia ĉemizo......

— Edzigita? Jes? Nu, vi rajtas oran ŝueton.

Ili ridetis, ili parolis pri sia knabino, sia knabo, kaj subite ili deturnis sin, kun voĉo rompita kaj larmoj ĉe la okuloj.

En iu ĉambro soldato agoniis: lia malsano pligraviĝis tiel rapide, ke oni ne povas lin malsuprenigi, kaj la kliniĝantaj flegistinoj ĉirkaŭis lin kaj penis lin kaŝi je la kamaradoj. La girlandoj alpendigataj super lia kapo ŝajnis kvazaŭ lasta saluto al la bravulo, kiu senplende donis sian vivon. La rememoro pri la bataloj, la mortintaj kamaradoj, la sufero de la bandaĝoj kaj la volo resaniĝi, ĉiuj bildoj de la tero jam estis for de li. Ĉe liaj palaj kaj sekiĝintaj lipoj, sola vorto ankoraŭ revenis: Patrino..... Patrino mia..... Kaj la du manoj de la virinoj kliniĝantaj super li penis doni al li la iluzion pri la kareso patrina.

Oni sukcesis kaŝi lian morton al la resaniĝantaj kamaradoj, kiuj en la galerioj finis la Kristnaskan manĝon. Tion oni al ili morgaŭ diros. Ilian ĝojan agitadon oni ne konfuzu: ili tuj malsupreniros por ĉeesti la koncerton.

Tiun koncerton preparis la sindonemaj flegistinoj, kiuj aranĝis soldatĥorojn. Lernanto de la muzikkonservatorio, amputita je unu brako, estis deklamonta, kaj vundita leŭtenanto kantonta, duonkaŝate sur portlito. La resaniĝantaj soldatoj plenigis la ŝtupojn de la eleganta amfiteatro, dum sur la podiumo oni lokis la portlitojn, sur kiuj kuŝis la soldatoj, senmovaj sub ruĝaj kovriloj. Kiam la pordo malfermiĝis, oni ekvidis, en la vestiblo, la grandan abion lumigitan per elektraj nacikoloraj lampetoj.

La ĥoro de la flegistinoj, ĉiuj blanke vestitaj, kaj la ĥoro de la soldatoj ekkantis la nacian kanton kun pli profunda fervoro antaŭ tia publiko, dum antaŭ niaj okuloj ŝvebis bildoj pri bataloj kaj mortkampoj. Subite ankoraŭ pli konkreta fariĝis tiu impreso kiam, inter du muzikpecoj, oni aŭdis la akran fajfadon, kiu anoncas la alvenon de novaj vunditoj.

Unu post la alia oni eligis el la aŭtomobiloj. Iliaj uniformoj kotplenaj aspektis flavaj. Senmovaj sur la portlitoj, ili ŝajnus mortintoj, se ne vidiĝus doloresprimo sur iliaj lacegigitaj vizaĝoj. Oni dispartigis ilin laŭ ĉambroj antaŭ ol ilin konduki al la operaciejo. Unu el ili ĵus estis instal-

[1] La kunveno de la Internacia Agrikultura Instituto okazis la 31 oktobro 1914, kaj ĉiuj landoj estis reprezentitaj. En Bruselo, je la mezo de aŭgusto, la gvidantoj de la internaciaj asocioj, kiuj tie havas sian sidejon, aranĝis kunvenon, ĉe kiu ili unuanime decidis daŭrigi sian laboradon. Simila kunveno okazos en Hago.

ita en sia lito, kiam oni ekbruligis la abieton destinatan al la soldatoj tro malsanaj por malsupreniri.

La novveninto rigardis la vakskandelojn, enspiris la rezinodoron kaj diris:

— Mi ne memoris, ke hodiaŭ estas Kristnasko... Tie for oni ne plu rekonas la tagojn.....

La dolĉa lumo heligis, ĝis la fundo de la vasta ĉambro, la paliĝintajn kaj kavajn vizaĝojn. La plej suferantaj viroj gajiĝis; ili retrovis sian infanan rideton. Tiel brave batalinte, la herooj, kiam ili estas vunditaj, ree alprenas knabetan animon. Infanajn ĝojojn kaj ĉagrenojn ili havas, kaj se ili tro suferas, ili plendas kun tia sama voĉo, kiun ili iam havis, kiam ilin plorigis la unua malsaneto. Granda blondulo, terure vundita, ĉirkaŭrigardis mirigite: neniam li vidis Kristnaskan arbon.

Kaj jen parolis la novveninto, per basa kaj malfortigita voĉo. Lia piedo estis traborita kaj la kruro tute ŝvelinta. Li estis restinta dek-ses horojn sur la batalkampo. Poste, je la nokto, li forrampis, gvidata de brakvundita kamarado. Sekvis longa vojaĝo. Li kredis, ke tre malsana estas lia kruro... Knabineto proksimiĝis al li. Tiam subite li ekploris:

— Ankaŭ mi havas kvarjaran knabineton...

La infanino momente restis muta antaŭ tiu terura virĉagreno. Kaj ĝentile, esperante lin konsoli, ŝi alprezentis cigaron.

Supre, apenaŭ elirinta de la koncerto, urĝe operaciis la ĉefhirurgo. Al tiu Kristnasko, kiu estis kiel kulto al la patrujo, mankis nenio, nek la himnoj, nek la kronoj, nek la verŝita sango, la terura homa ofero fordonata tagon post tago. Kaj super ĉio ŝvebis ankaŭ atmosfero de interhelpemo kaj bonvolo, pli profunda simpatio, la amo pligrandigita de tiom da suferoj, la lasta espero de Kristnasko!

*Noëlle Roger.* Trad. A. R.

# ✿ NOTOJ ✿

.·. **La rehejmigo de la gravevunditoj en Francujo kaj Germanujo.** — Feliĉe estas, ke tiun demandon, kiun elmetis la Internacia Komitato de la Ruĝa Kruco kaj subtenis la Vatikano, principe aprobis la militantaj regnoj.

La eventuala rehejmigo de la gravevunditoj estas fiksita de la Ĝeneva Konvencio de la 6 julio 1906, art. 2, 2a paragrafo:

„La militantaj regnoj restas liberaj fiksi inter si, rilate al la vunditaj aŭ malsanaj kaptitoj, tiajn esceptajn kondiĉojn, kiaj ili opinios utilaj; ili nome rajtos interkonsenti por rehejmigi la transporteblajn aŭ resanigitajn vunditojn aŭ malsanulojn, kiujn ili ne volos konservi kiel kaptitojn."

Pri kiaj vunditoj kaj malsanuloj oni tie ĉi aludas? Sendube pri tiuj, kiujn iliaj vundoj aŭ malsano definitive nekapabligis por la militservo: la grave vunditaj, la grave malsanaj.

Demandon oni tuj povas fari: kiu juĝos, ĉu tia vundito aŭ tia malsanulo apartenas al la kategorio citita en art. 2a? Sole la militkuracistoj, kiuj jam kuracis la kaptitojn en la hospitaloj, estas kompetentaj por juĝi, ĉu la vunditoj aŭ malsanuloj, kiujn ili kuracis, fariĝis ne kapablaj militservi.

En Francujo, Germanujo, Aŭstrio-Hungario, Rusujo, ktp. ekzistas centoj de kripluloj, blinduloj, invalidoj, kiujn oni povus resendi al iliaj familioj kaj rehejmigi! Oni eble kontraŭdiros, ke la intelektaj kapabloj de kelkaj el ili povus esti ankoraŭ uzataj de la registaroj de la landoj, al kiuj oni resendus ilin; tio estus nur esceptoj, malofte esceptoj, kaj rilate al ĉi tiuj oni povus ne allasi la rehejmigon.

La kuracistoj juĝus kaj devus havi la eblon permesi, laŭ sia konscienco, la rehejmigon de ĉiuj, kiujn ili juĝas ne plu kapablaj servi la landon, al kiu ili apartenas.

Ambaŭflanke troviĝos kuracistoj, kiuj pli-malpli severe juĝos, sed ekzistos egalpezo kaj reciprokeco. Miloj de familioj povos ricevi kaj flegi hejme siajn parencojn, siajn amikojn. *Inter arma caritas,* tio estos ankoraŭ helpema paciga entrepreno, kiu ĉe kelkaj malpliakrigos la militon kaj mildigos kelkajn moralajn suferojn.

La interŝanĝo de la gravevunditoj kaj gravemalsanuloj estas principe akceptita; ĝia plenumo ne plu renkontas malfacilaĵon, ĉar la svisa registaro metos je la dispono de la militantaj regnoj svisan sanitaran vagonaron. La svisa Ruĝa Kruco tiamaniere povos utile helpi, faciligante al malsanuloj kaj suferantoj, invalidaj por ĉiam, la revenon al ilia hejmo.

.·. **Por la militkaptitoj.** — Fondiĝis en *Bern* Oficejo por helpado al la militkaptitoj, kies sidejo troviĝas Bahnhofplatz 5.

Tiu oficejo celas:

1e Senpere helpi la malriĉajn kaptitojn, ĉu militistajn, ĉu civilajn internigitajn en la kampoj;

2e vidi kaj laŭeble helpi la jam kreitajn diversajn komitatojn por eviti duoblajn uzojn kaj eviti tempoperdon. Oni tiel povus dividi la laboron kaj pli certe atingi la celon;

3e fari ĉiujn klopodojn necesajn por helpi la malriĉajn kaptitojn, kiuj terure suferas de la malvarmo.

Por ĉiuj informoj oni bonvolu sin turni al S-ro Léon Poinsard, sekretario, ĉe la supre nomita adreso.

.·. **Sendaĵoj al militkaptitoj.** — La personoj sendantaj pakaĵojn al militkaptitoj en Francujo kaj Germanujo estas informataj, ke estas severe malpermesate sendi gazetojn aŭ eĉ uzi gazetojn kiel pakpaperon interne de pakaĵo.

.·. **La bestoj kaj la milito.** — Je la fino de decembro okazis en Ĝenevo la unua internacia konferenco por la protektado de la bestoj ĉe la milito. Ok regnoj estis reprezentitaj: Aŭstrio-Hungario, Belgujo, Britujo, Francujo, Montenegro, Serbujo, Svisujo kaj Turkujo.

La kunveno akceptis la jenajn rezoluciojn:

„La delegitoj ĉe la unua internacia konferenco por la protektado de la bestoj ĉe la milito, kunvenintaj en Ĝenevo la 24 decembro 1914 en tiu sama ĉambrego, kie antaŭ kvindek jaroj estis fondita la Ruĝa Kruco, alsendas la esprimon de sia profunda simpatio al ĉiuj, kiuj suferas de la milito; varme deziresprimas por baldaŭa daŭra paco honoriga je ĉiuj militantoj; gratulas tiujn registarojn, kiuj, de la komenco de la nuna milito, alprenis praktikajn decidojn por efike helpi la bestojn ĉe la milito, precipe en la celo mallongigi iliajn suferojn; instigas la registarojn, kiuj ne ankoraŭ alprenis similajn decidojn, ke ili senprokraste tion faru, laŭeble per kunlaborado kun la naciaj bestprotektaj societoj.

„Ili komisias la prezidanton kaj komitaton de la Ĝeneva Bestprotekta Societo daŭrigi la komencitajn studojn por ebligi ĉiulande la kreon de naciaj societoj, laŭ la modelo de la Ruĝa Kruco, kun speciala unuforma insigno kaj internacia komitato.

„Ili decidas, ke la rezultato de tiuj studoj estu submetata al la ekzamenado de baldaŭa internacia konferenco okazonta en Ĝenevo."

.·. **Militkaptitoj en Rusujo.** — Nia Del. en Moskvo, S-ro S. Szabunievicz, komunikas al ni la jenan informon pri militkaptitoj en Rusujo:

„Antaŭ nelonge, vizitinte la Centran Informejon pri militkaptitoj en Petrogrado, mi ricevis jenajn informojn:

‚Kiam la nomita Centra Oficejo ricevas listojn de militkaptitoj, alvenintaj al lokoj, kie ili devos loĝi, ĝi senprokraste kopiigas tiujn listojn kaj sendas la kopiojn pri: 1e Aŭstrianoj-hungaroj al « Gemeinsames Zentralnachweisebureau, Auskunftstelle für Kriegsgefangene », Wien (Aŭstrio). 2e Germanoj al la Oficejo de la Ruĝa Kruco en Kopenhago. Nur poste oni enregistras la koncernajn nomojn en la librojn de la Centra Informejo (ĉi tio daŭras sufiĉe longe) kaj donas informojn al privatuloj. Do, la plej facila vojo por informiĝi pri militkaptitoj troviĝantaj en Ruslando estas sin turni koncerne aŭstrianoj-hungaroj al Vieno, koncerne germanoj al Kopenhago.'

Nian laboron kiel perantoj krome malfaciligas tiu cirkonstanco, ke la Centra Informejo rifuzas doni informojn responde je demandoj pri pluraj militkaptitoj. Pro tio ĝi preskaŭ neebligas nian laboron laŭ ĉi tiu direkto."

# Bileto de blankbarbulo

*Pri la rolo de UEA dum kaj post la milito*

*Espereble estas, ke nun, dank' al la severa, maldolĉa leciono de la milito, ĉiuj komprenos, ke, se ni volas havi ian komunan esperantistan Centrejon, tiu ĉi povas ekzisti nur en neŭtrala lando, kaj ke ĝi povas esti nur unuflanke lingva, por la konservado de la internacia unueco de la lingvo, aliflanke praktika, por ĝia aplikado kaj utiligado en la diversaj landoj. Organizi internacie la propagandon mem, kun ia centra reganta aŭ simple direktanta povo, eĉ ne sidanta en potenca Ŝtato, estis en la antaŭaj kaj estas en la nunaj Eŭropaj kondiĉoj nur danĝera utopio, neniel profita al la disvastigado de Esperanto, nek al ĝia profunda „enradikiĝo“ en la apartaj nacioj, kiuj, por agado efika kaj daŭra, devas trovi ĉe si mem la necesan forton.*

*Kiam, dum multaj jaroj, mi kontraŭbatalis, kun kelkaj amikoj, ĉiun projekton pri centra reganta povo, — kiu ekster aŭ super la nacioj direktus nian tutan propagandan movadon, — kiam mi energie insistis pri la neceseco subteni „nacie“ niajn naciajn sendependajn societojn kaj „internacie“ nian internacian aplikan UEA, kun sidejo en neŭtrala Svisujo, tion mi faris ne pro ia ajn ĵaluzeco aŭ malamo (vere ridinda kulpigo!) kontraŭ viroj aŭ institucioj, sed nur, ĉar ŝajnis al mi ne saĝe, — en epoko, dum kiu oni rajtas celi la pacon sed ne kalkuli sur senfinan pacon, — doni al nia movado tro ambician, vastan, kromlingvan fundamenton aŭ programon, kaj ĉion centralizi en la ĉefurbo de ia ajn potenca, neneŭtrala, eble iam militanta regno.*

*Kaj nun, kia estas nia devo, por ni Esperantistoj? Ĉu perdi nian tempon en vanaj riproĉado kaj disputado pri pasintaj eraroj? Certe ne!*

*Ĝi estas serĉi, kiamaniere ni konservos la vivon de nia internacia komuna Zamenhofa Esperanto dum la terura interpopola batalado kaj kiamaniere, post ĝia finiĝo, ni rekonstruos nian komunan domon kaj restarigos inter ĝiaj diversaj apartamentoj la detruitajn komunikilojn.*

*Nedube estas, ke nun la sola lando, kie ni povas „nutri“ ian komunan internacian fokuson estas Svisujo kaj en Svisujo — ĉar tie ekzistas jam io — Ĝenevo. Tien ni devas alcentrigi ĉiujn niajn pure Esperantajn informojn, tial ke aliloken ni ne povus. Ĉiuj landoj havas la eblon komuniki kun Svisujo, kiu siaflanke povas komuniki kun ĉiuj. En la nuna periodo ĝi sola povas ludi la rolon de internacia ligilo kaj tia ligilo estas nepre necesa, por ke ne malaperu ĉiu internacia vivo, sola pravigo de nia ekzistado.*

*El ĉiuj landoj, — kie devas esti subtenata laŭ ebleco la esperantista nacia agado, — ni do sendu al nia komuna „*Esperanto*“ sciigojn pri tiu ĉi nia dummilita nacia agado, eĉ se, malgraŭ niaj klopodoj, ĝi estas tre malvigla. Ni montru la fajreron, kiu sub la cindro konservas kaj preparas estontan flamon, ree brilontan en pli trankvilaj tagoj.*

*Sed tion ni faru taktplene, restante sur pure esperanta kampo, neniel serĉante pere de UEA — komuna institucio — altrudi al niaj samlingvanoj ian opinion pri la konduto aŭ respondeco de iu ajn registaro aŭ popolo en la militaj okazintajoj.*

*La rolo de UEA ne estas montri, kiu estas prava aŭ malprava, sed nur konservi rilatojn kun ĉiuj; kaj tion ĝi povas nur, se ĝi aprobas aŭ malaprobas neniun, se ĝi ne helpas al unuj kontraŭ la aliaj.*

*Ni ĉiuj devas zorgi pri tio, — kia ajn estas nia patruja amo, — ke ni havu komunan lokon, kie ni ĉiuj povas kaj poste povos kunveni, ne postulante de iu aŭ alia tro gravan, dolorigan humiliĝon aŭ oferemon.*

*Kaj vere, kia ajn povas esti nia forgesemo kaj pacema deziro, infane estus kredi, ke post reakirita paco ni tuj povos ree cirkaŭbraki unu la alian, kvazaŭ nenio estus okazinta. Kiam oni rompis al si la brakon aŭ la kruron longe ankoraŭ post resaniĝo la vunditaj membroj doloras kaj bezonas ian apogilon. Al nia internacia Esperantistaro dum pli malpli longa tempo estos necesa ankaŭ la neŭtrala, komuna, al ĉiuj amika „bandaĝo“ de la landoj, kiuj, kiel Svisujo, restis ekster la milito.*

*Zorgante ne nur pri la hodiaŭa tago, sed antaŭvidante fatalajn malfacilaĵojn dum la morgaŭa, ni fosu tie la modestajn sed firmajn tranŝeojn de nia Esperantujo. Pli valorante ol ambicia, al ĉies atakoj elmetita fortikaĵego, ili certigos al ni la daŭrigon de nia internacia vivo.*

*Por ke poste ĝi ree povu fariĝi ŝnurego, ne devas esti rompita la fadeneto de nia internacieco!*

*Tia estas la nuna tasko de UEA kaj de ĝia organo* Esperanto; *tia ĝi estos ankaŭ post la milito.*

*Ĝin UEA certe scios plenumi, sed al ĝi — kiel al niaj naciaj sendependaj Societoj — ni ĉiuj Esperantistoj, sinceraj, veraj Esperantistoj, devas alporti dum malfacila periodo, nian plenan, sindonan helpon.* Th. Cart.

---

# LA DEKA KONGRESO

*Necesa dankesprimo*

En nia lasta N-ro ni aperigis, laŭ diversaj rakontoj, informojn kaj impresojn pri la Deka. Ĉiuj raportoj, kiujn ni aŭdis aŭ ricevis, estas unuanimaj substreki la bonegan preparon kaj lertan organizon de kongreso, kiu estus estinta la plej brila ĝisnuna manifestado de nia movado. Sendante al ni la suban leteron, S-ro P-ro Cart celis rememorigi pri la sindonemaj organizintoj, kiuj multege laborinte havis la doloron vidi ruinigita la rezultaton de tutjara penado, ĝuste en la momento kiam ilin atendis meritita triumfo.

* * *

„Ŝajnus al mi ne juste, okaze de la Deka Kongreso, silenti pri la sindona oferema kaj tre lerta agado de la Parizanoj de la Loka Komitato, kiuj ĝin vere mirinde organizis. Ilin neniu dankis en publika ceremonio, tial ke nenia ceremonio okazis, kaj ilin oni eble neniam dankos. Tamen dankon ili plene meritas de la tuta Esperantistaro.

„Mi estis inter tiuj, kiuj ne aprobis la elekton de l' Palaco Gaumont kiel sidejon de la Kongreso. Tre malkaŝe mi konfesos, ke mi tute eraris. Dank' al la lerteco kaj al la laboro de S-ro Agache, tre helpata por la ekspozicio de S-ro C. Rousseau, ĉio tie troviĝis en admirinda ordo kaj lumo, ĉiuj komunikoj: eniro, eliro, trairo, estis facilaj kaj oportunaj. La ĝenerala impreso, tuj ĉe la ĉefa *vestiblo* kiel ĉe la aliaj kaj precipe en la salonego, estis vere grandioza kaj elokvente pruvis eĉ al skeptikulo la fortecon, vastecon, riĉecon de nia movado kaj ĝian eksterordinaran progreson en la lastaj jaroj sur ĉiuj kampoj: beletristikaj, sciencaj, artaj, sociaj, komercaj, industriaj, ktp. Ke tia elmontro estus estinta plene konvinka por ĉiu eĉ indiferenta publiko, por ĉiu ĵurnalisto, por ĉiu kritikisto, pri tio neniu, kiu vizitis la palacon la tagon antaŭ la malfermo, povas dubi.

„Ĉu mi aldonos, ke ĉio estis plej zorge, plej trafe antaŭvidita kaj preparita por la facileco kaj bona ordo de ĉiuj kunvenoj kaj kunsidoj, ĉu ĝeneralaj, ĉu apartaj, de ĉiuj vizitoj en Parizo kaj eks-

kursoj en la ĉirkaŭaĵo, de la plezuroj: koncertoj kaj teatraj prezentadoj, ke nenio ŝajnis lasata al malfeliĉa hazardo, kiu detruus la plenan harmonion de belega septaga festo?

„Multaj estis tiuj, kiuj dum unu plena jaro, ĉiutage kaj ofte nokte, oferis parton de sia tempo por ĉion organizi kun tia perfekteco. Inter ili mi povas nomi nur tiujn, kies agadon precizan mi konas kaj kiujn ĉiusemajne mi renkontis en la kunsido de la loka organiza komitato.

„La ĉefa inter ili estas S-ro Rollet de l'Isle, la prezidanto de la Franca Societo por la propagando de Esperanto, kies nelacigeblan agemon kaj rimarkinde organizan spiriton nur superas plej ĝentila modesteco. Li estis la vera animo de la komitato kaj estus estinta la eble kaŝita, sed tiom pli dankinda animo de la gastiganta Parizanaro. Al li, antaŭ ĉiuj, oni estus ŝuldinta la sukceson de l'Kongreso.

„Grandan helpon alportis al li ges-roj Bricard pro sia — ĉar tiuj ecoj ŝajnas al ili komunaj — spirita klareco kaj precizeco, sia amo al ordo praktika kaj sia sindono al nia afero.

„Apud ili oni devas citi S-ron Chaussegros, ĝeneralan sekretarion, kies tasko estis terure peza, sed neniam forigis de li tiun ĉi egalecon en la humoro, kiu estas granda kuraĝigo por siaj kunlaborantoj, kaj S-ron Warnier, sekretarion, kiu ĉion vidis kaj antaŭvidis, ĉion legis kaj komprenis, ĉion aŭdis kaj memoris, multajn malfacilaĵojn forigis kaj ludis plej kontentige kaj laŭdinde rolon de „ĉefa akso" en la maŝino.

„Kun granda zorgo kaj kompetenteco S-ro de Ménil estis organizinta — post kiom da klopodoj ĉiunature! — la teatrajn prezentadojn, kaj tie ankaŭ la sukceso estis neduba.

„Ĉu necese estas paroli pri S-ro Pichon? Lian agadon konas la kongresanaro, kiu per lia „Kongresa Gazeto" ricevis ĉiujn necesajn informojn, vestitajn plej agrable, kun junula bonhumoro kaj talento de jam sperta ĵurnalisto.

„Volonte mi ankoraŭ nomus S-ron Balliman, la kasiston de la Kongreso, kaj F-inon Gérard, plej lertan propagandistinon, kiu ne ŝparis sian tempon kaj laboron por faciligi la loĝadon de niaj „esperataj" gastoj, sed mi devas halti, por ke vi ne riproĉu min pri tro ĝenerala aŭ nesufiĉa citado.

„Certe aliaj ankaŭ ekz. la Pariza Centra Oficejo, sub direktado de ĝeneralo Sebert multe laboris, klopodis, helpis, sed pri ilia agado mi malmulte aŭ nenion scias, ĝin mi ne konstatis mem, kaj tiun ĉi leteron mi skribis nur, kiel *atestanto*, kiu tre bedaŭrus, ke, pro malsukceso de l'Kongreso, oni konservu nenian memoron pri la granda laboro, pri la laborego de kelkaj sindonemaj Parizaj Esperantistoj.

*Th. Cart.*"

---

# KRONIKO

Ni petas, ke oni bonvolu sendi ĉiujn komunikajojn utilajn por la redaktado de tiu kroniko ĉiumonate antaŭ la 20a. Ni plezure enpresos ĉiujn informojn pri kursoj, paroladoj, novaj grupoj, festoj, ktp., kaj — tiom kiom ili havas neŭtralan karakteron — komunikojn de la naciaj societoj, kies organo estas momente interrompita.

## Aŭstrio-Hungario.

*Budapest:* La grupo aranĝis komunan vespermanĝon por festeni la naskiĝtagon de D-ro Zamenhof. D-ro Giesswein diris brilan kaj spritan toston, kaj oni multe konversadis pri la esperebla disvastigo de Esp. post la milito. La grupoj regule kunvenas ĉiulunde kaj ĉiuĵaŭde. — *Innsbruck:* Fine de oktobro malfermiĝis kurso vizitata de malmultaj sed lernemaj amantoj de nia lingvo. — *Praha:* Kelkaj grupoj regule kunvenas. En la gazetoj „Osveta Lidu" (red. D-ro Schulhof) kaj „Nochodské Listy" (red. instruistino Šupichova) regule aperas Esp. rubrikoj. — *Wien:* Esp. Unio Danubio aranĝis du kursojn por knaboj en burĝa lernejo, ambaŭ direktatajn de S-ro R. Kraftan; ilin vizitas pli ol 80 knaboj. La Esp. Unuiĝo kunvenas ĉiuvendrede. S-ro Dir. Schamanek paroladis ĉe la „Unuiĝo de instruistoj Esp.".

## Britujo.

*Bexleyheath:* Okazas tre sukcesa kurso por knaboj. La 29 decembro la grupo festis la datrevenon de sia fondo. — *Bristol.* S-ro Dirac faris paroladon. La lernejo por plenaĝuloj starigis kurson sub la instruado de S-roj Taylor kaj Westmancote. — *Leeds:* La ĉiujara festo okazis kun 90 ĉeestantoj. Post diversaj paroladoj okazis amuza parto tre ŝatita. — *London:* La Londona Klubo daŭras regule kunveni. Fondiĝis grupo en Balham. — *Manchester:* La sesa ĉiujara kunveno de la Esp. Federacio de Lancashire kaj Cheshire okazos la 6 februaro. — *Rotherham:* Nova grupo fondiĝis. — *South:* Kelkaj kursoj estis aranĝitaj. — *Sunderland:* Oni anoncas la fondon de nova grupo.

## Francujo.

*Angers:* Du kursoj malfermiĝis, gvidataj de S-roj Muffang kaj Morsan. — *Cholet:* La kursoj okazas kiel kutime. — *Grenoble:* La kunvenoj de la grupo ĉiam akurate okazas ĵaŭdon vespere; sufiĉe multaj trapasantaj Esp-ianoj estis akceptataj. Kiel kutime la kursoj malfermiĝis en la urbaj lernejoj kaj grupa sidejo. — *Paris:* La Pariza Grupo kunvenas la 1an kaj 3an dimanĉon monate ĉe la Centra Oficejo. Ĝi eldonas sub la titolo „Petit Bulletin Temporaire" informilon pri la nuna Esp. vivo en Francujo. — S-ino Ferter-Cense kaj S-ro Guillermin komencis kursojn. Aliaj kursoj okazas en Levallois-Perret kaj St-Denis.

## Germanujo.

*Augsburg:* La ministerio, malgraŭ la milito, permesis la starigon de du Esp. kursoj ĉe la realgimnazio. Ili estas gvidataj de P-roj Ledermann kaj Herrenreiter kaj bone vizitataj. — *Bromberg:* La grupo regule kunvenas ĉiuvendrede; S-ro Grabowski el Varsovio estas la konstanta gasto en la kunvenoj. — *Essen:* S-ro Pillath gvidas ripetan kurson kun 27 partoprenantoj; la grupo regule kunvenas. — *Hagen:* La kurso, gvidata de S-ro D-ro inĝ. A. Linker, bone sukcesas. — *Leipzig:* La Unuiĝo de la Esp. Gruparo aranĝis novan kurson. Ĉe la dua vintra societo-vespero, S-ro P-ro Dietterle raportis pri la agado de la Ligo kaj de la Saksa Instituto. S-ro D-ro Steche interesige rakontis pri vojaĝo al Afriko.

## Hispanujo.

*Barcelona:* La societo Aplech, Esp. Grupo, starigita en Via Masague 55, I, Sabadell, elektis por 1915 la jenan estraron: Prez.: S. Esteve; vicprez.: M. Sastre; sekr.: R. Casas; vicsekr.: M. Viñals; kas.: N. Ullar; vickas.: J. Valldaura; bibl.: J. Riera; vicbibl.: J. Julia.

## Italujo.

*Brescia:* Okazis Esp. ekzameno, ĉe kiu partoprenis 15 personoj. — *Cremona:* La 20 decembro S-ro P-ro Carolfi, laŭ invito de la grupo, faris sukcesan paroladon, S-ro G. Verdi, instruisto kaj dir. de la Virina Komerca Ĉambro enkondukis Esp. en tiun institucion; instruas F-ino Sartori. — *Pesaro:* S-ro P-ro Carolfi paroladis al la geinstruistaro kaj malfermis kurson la 10 januaro. — *Venezia:* La grupo Zamenhof malfermis sian sidejon (S. Maurizio, Calle del Dose 2752), ĉiutage malfermatan de 5 h. ĝis 7 h. kaj 9 h. ĝis 11 h. Du senpagaj kursoj estas aranĝitaj.

## Nederlando.

*Hertogenbosch:* La Unuiĝo de Katolikaj Esp. faris al la „Komitato por klerigado kaj distrado" tie la proponon, doni senpagajn skribajn Esp.-kursojn al militistoj. Ĉi tiu propono estis danke akceptata.

## Rusujo.

*Astrahan:* Nova kurso funkcias kun 16 lernantoj. — *Irkutsk:* Okazas ĉiusemajne Esp. kunvenoj. — *Kiev:* Du kursoj malfermiĝis. — *Moskvo:* Fondiĝis grupo ĉe la popoluniversitato Ŝanjavskij. —

*Petrogrado:* Okazis jara ĝenerala kunveno de Esp. Grupo de Teknologia Instituto. — *Saratov:* La Esp. Societo estas definitive fondita. — *Zaporojie-Kamenskoje:* La komitato de la Esp. Societo aranĝis literaturan konkurson de originalaj kaj tradukitaj verkoj.

## Svisujo.

*Davos:* Ĉe tiu fama kuracloko, F-ino Herzog, Del., faris gravan propagandon per gazetartikoloj. Esperanta literatura ekspozicio estis aranĝita. — *Lyss:* De novembro la kutimaj kunvenoj okazas ĉiusabate kaj estas ĉiam bone vizitataj. Nova kurso baldaŭ komencos, sub la gvidado de S-ro E. Scheurer, Del.

---

# DIVERSAJOJ

∴ **Esperanto ĉe la militkaptitoj.** — Niaj samideanoj militkaptitaj ne forgesis Esperanton, nek malkuraĝiĝis. Kontraŭe, ni ekscias, ke ĉe la kaptotendaroj, kie troviĝas Esperantistoj, vigla propagando estis farita. En la kampo *Altengrabow* apud Magdeburg S-ro Jean Suel komencis kurson kun 43 personoj; pliaj partoprenantoj estas atendataj. En *Kavalier Scharnhorst* apud Magdeburg, S-ro Kapitano Comte, el Boulogne s. M., intencas aranĝi kurson. La saman iniciaton alprenis S-ro Pourchelle, el Amiens, ĉe la kampo *Zossen* apud Berlin.

Oni bonvolu konigi al ni ĉiujn similajn iniciatojn.

La C. O. de UEA volonte sendos la necesajn lernolibrojn kaj legaĵojn al la Esperantistoj militkaptitaj.

Ĉe du kaptotendaroj la interpretistoj estas Esperantistoj, nome en *Cassel* S-ro Amelu, Delegito, kaj en *Zossen* S-ro O. Sandrock, membro de UEA.

En Zossen oni povas uzi Esperanton kiel korespondlingvon kun la militkaptitoj.

∴ **Esperanto kaj blinduloj.** — Oni scias, ke dum la Pariza Kongreso estis aranĝota, dank' al la klopodoj de S-ro P-ro Cart, kongreseto por blinduloj. El la speciala organo por blinduloj „Esperanta Ligilo" ni eltiras la jenajn paragrafojn skribitajn de P-ro Cart pri tiu grava manifestado, kiu ho ve! kiel ĉiuj aliaj kongresaĵoj ne povis atingi la esperitan sukceson:

„. . . . . La 31 julio matene mi ankoraŭ esperis kaj eĉ telegrafis al amikoj, ke ili sentime povas veni Parizon. . . . . Sed vespere, ho ve! ĉiun esperon pri paco kaj ebla kongreso mi perdis kaj ree telegrafis, sed la malon. Tamen, dum la tago, mi estis aranĝinta en la Palaco Gaumont nian tre belan kaj interesan porblindulan ekspozicion, kaj en nia Instituto pli ol sesdek litoj estis pretaj en du komfortaj dormejoj: unu por la sinjorinoj, la alia por la sinjoroj. Plie oni aranĝis tri specialajn privatajn ĉambretojn kun lito, kanapo, brakseĝo, ktp. por kelkaj el niaj blindaj „eminentuloj", kiujn mi deziris surprizi per tiu ĉi afableco. Komuna saloneto kun fortepiano, libroj, gazetoj, ankaŭ estis rezervita por ni. Aliparte por la komuna manĝado oni preparis ĉion laŭ miaj deziroj kun plie trinkejeto, kie oni povus havi posttagmeze kaj vespere vinon, bieron, teon aŭ siropon kun kukoj

„En Quinze-Vingts, en St-Mandé, ĉe la Fratinoj de St-Paul, ĉe la Fratoj de St-Jean de Dieu kiel en Instituto Valentin Haüy oni promesis al mi nin *oficiale* akcepti je difinitaj tagoj, por vizito, per *oficialaj* paroladoj de la „estroj", per muziko, kanto kaj glaso da ĉampano aŭ taso da teo kun paŝtaĵoj. Ni mem blindaj Esperantistoj, devis same akcepti niajn samideanojn en Institution Nationale la vendredon 7 aŭgusto posttagmeze kaj honorigi ilin per koncerteto en la ĝardeno.

„La blindajn kongresanojn devis konduki, kun ĉiuj necesaj klarigoj, en Muzeo Valentin Haüy S-ro de la Sizeranne mem kun helpo de nia kara kaj klera profesoro Guilbeau; en St-Mandé kaj en Quinze-Vingts la sama Guilbeau kun la tieaj direktoroj; ĉe la Fratoj de St-Jean de Dieu, nia amiko Monnier, ekslernanto en tiu ĉi fama lernejo; ĉe la Fratinoj de St-Paul, fraŭlino Lanfranchi, kiu estas tie profesorino. Por nin veturigi en tiujn diversajn lokojn kiel en Palacon Gaumont kaj ĉe la teatran prezentadon, kaj eĉ por akcepti blindulan karavanon ĉe la stacidomo, la potenca Pariza „Compagnie des Omnibus" metis du tagojn antaŭ la malfermo de la Kongreso je mia dispono, ĉiuposttagmeze kaj vespere la necesajn omnibusojn, je tiel malaltigita prezo, ke facile mi povis preni sur min la tutan pagon.

„Por niaj matenaj oficialaj laborkunsidoj, preskaŭ ĉiuj raportoj estas jam pretaj kaj nedube estas, ke fruktoriĉaj estus estintaj niaj diskutoj kaj decidoj.

„. . . . . Kiom da senutilaj veturadoj, kiom da vizitoj en la diversaj ministrejoj kaj policejoj, kiujn artifikojn mi ofte uzis por rompi ĉiam novajn militajn, militistajn, policajn, policanajn barojn, ĉion tion ĉi mi ne bezonas rakonti, sed terure malfacile estas veni ĝis la vagonaro kaj forveturi en tiaj momentoj, eĉ por vidantoj, kion do por blindaj vojaĝantoj kaj blindulkondukantoj!

„Vera korpremo, kordoloro estis al mi, ke por mi triumfo fariĝis ĉiu forveturado de jam karaj amikoj, tiel forte mi timis por ili, ke, se ne rapide ili forveturus, ili nur post multaj zorgplenaj semajnoj aŭ eĉ monatoj povus reveni en sian hejmlandon, kaj revidi siajn karulojn!

„Ĉu aliaj blinduloj venis Parizon, mi ne scias, sed ilin mi ne vidis. Pri tio mi certe ilin ne riproĉos, ĉar pravaj ili estis, vizitinte neniun, kiel eble plej frue forlasi nian en aliaj tempoj tiel gasteman urbon, sed tiam certe evitindan.

„Kaj nun, amikoj, ĉu ni perdos kuraĝon? Ĉu pro tiom da perditaj oferoj ni dubos pri la fina venko de nia kara internacia lingvo? Certe ne, sed senlace ni rekomencos aŭ daŭrigos nian laboron, grupitaj, ni blinduloj kaj blindulamantoj ĉirkaŭ nia komuna „Ligilo" kaj nia kara ĉefredaktoro."

∴ **La Biblio en Esperanto.** — Laŭ informo de la lerta kunlaboranto de D-ro Zamenhof, S-ro J. H. Fred, en Edinburgo, ni povas atendi la publikigon de la tuta Malnova Testamento post ĉirkaŭ unu jaro. D-ro Zamenhof jam tradukis la librojn ĝis Jeŝaja, la Psalmaron, la Sentencojn de Salomono kaj la Predikanton, kaj nun tradukas la profeton Jeremia, dum S-ro Fred jam tradukis en kunlaboro kun la majstro ĉiujn el la mallongaj libroj profetaj, Job, la Kantoj de Salomono, Rut, la plendoj de Jeremia, Ester kaj Daniel. Kelkaj el la libroj tradukitaj de S-ro Fred ankoraŭ estas sub la mano de D-ro Zamenhof por kontrolo.

La eldonistoj estos, kiel ĉe Nova Testamento, kune „Brita kaj Eksterlanda Biblia Societo" kaj „Nacia Biblia Societo de Skotlando". La prezo verŝajne ne superos kvin ŝilingojn.

---

# TRA LA GAZETARO

∴ Dum la lastaj semajnoj ni ricevis la jenajn Esp. gazetojn: *Amerika Esperantisto, British Esperantist, Germana Esperantisto, Holanda Pioniro, Nederlanda Katoliko, La Espero* (Norvegujo), *L'Esperanto* (Italujo), *Ondo de Esperanto, Verda Standardo* (Hungarujo), *German-Aŭstria Esperantisto* anoncas en sia lasta N-ro ke ĝi ĉesas aperi. La aliaj Esp. gazetoj, laŭ nia scio, interrompis sian aperon.

∴ En multnombraj aŭstriaj, hungaraj, francaj, germanaj gazetoj aperis artikoloj pri la servoj riceveblaj per UEA dum la milito (transdonado de leteroj, serĉoj pri malaperintaj civiluloj, ktp.).

La eldono de primilitaj germanaj dokumentoj en Esperanto ankaŭ kaŭzis sufiĉe multajn gazetartikolojn en la militantaj landoj.

∴ En la grava revuo *„Les Documents du Progrès"* (januara N-ro) nia kunlaboranto M. Génermont publikigis bonegan detalan artikolon pri la organizo kaj servoj de UEA sub la titolo „Esperanto praktika."

# UNIVERSALA ESPERANTO-ASOCIO

## OFICIALA INFORMILO

**Deklaro.** — Konforme al § 2 de la Statuto, „UEA estas absolute neŭtrala rilate al politiko, religio kaj nacieco". Tiu regule aplikiĝas ne sole al ĝia estraro, sed al ĉiuj ĝiaj reprezentantoj agantaj kiel organoj de UEA. Sekve estas malpermesate al ili uzi la titolon Delegito, Vicdelegito, ktp. por subskribi, dissendi aŭ disvastigi dokumentojn rilatajn al la nunaj okazantaĵoj kaj ĝenerale enmiksi UEA en politikajn aŭ naciajn aferojn.

Rilate al la gazeto *„Esperanto"* UEA estas responda nur pri la artikoloj aperantaj en la oficiala informilo.

**Al la membroj de UEA.** — Ni rememorigas al niaj membroj, ke la kotizaĵo por 1915 estas repagebla (Fr. 2.50 por membro kaj Fr. 5 por Subtenanto).

Personoj repagintaj la kotizaĵon ricevos presitan banderolon algluotan je la membrokarto kaj cirkuleron pri la agado de UEA dum la milito. Pro la nunaj cirkonstancoj, la Jarlibro *ne* aperos.

Novaj membroj ricevos membrokarton kaj la Jarlibron de 1914.

Al la repago de la kotizaĵo ni alvokas ĉiujn membrojn, kiuj povas tion fari. El ilia kunhelpado en tiu ĉi momento dependas nia estonteco.

**Statistiko de la korespondaĵoj.** — Movado de la korespondaĵoj dum la monato decembro:

| Ricevitaj | Forsenditaj |
|---|---|
| 7181 | 7213 |

*Tuta sumo:* 14,395. (Antaŭa monato: 7664.)

**Financoj.**

*Kalkulkontrolado.* — La bilanco de UEA publikigita en la lasta N-ro de *„Esperanto"* (paĝ. 10) kaj la kaslibroj estis kontrolitaj la 11 januaro 1915 en la C. O. de UEA de S-roj Ed. Mallet, Del. en Ĝenevo, kaj M. Maillart, Vicdel. kaj komercisto en Ĝenevo. Post zorgema kontrolo de la ĉefaj kalkuloj kaj esploro de multaj detaloj, ili subskribis la bilancon kun la sekvanta noto:

„Kontrolinte, ni trovis ĉion en bona ordo. Ni do subskribas tie ĉi, gratulante kaj dankante la sindoneman financestron kaj la diversajn kastenantojn.

*Ed. Mallet, M. Maillart."*

# UEA dum la milito

*Kion ni povas fari? Kion ni ne povas fari?*

Dum decembro kaj januaro la C. O. daŭris plenumi multajn laborojn en la speciala kampo, kiun ĝi prizorgas de post la komenco de la milito. La nombro de la transsenditaj leteroj grave kreskis, kiel pruvas la ciferoj (movado de la leteroj dum novembro: 7,664, dum decembro: 14,395). Aliparte, multnombraj estis la petoj kaj esploroj pri perditaj personoj, interrilatoj kun militkaptitoj, ktp. Por elfari tiun tre diversflankan laboron, la C. O. devis voki la helpon de kelkaj Ĝenevaj bonvolaj gehelpantoj, kiuj plenumas difinitan parton de la komuna tasko.

La viktimoj de la milito estas tiel multnombraj kaj diversaj, ke kelkaj organizaĵoj ne estas superfluaj por sin okupi pri ili. Ni jam priskribis en *Esperanto* (N-ro 1) kelkajn el tiuj institucioj. La laboro de Prof. Rœthlisberger, direktoro de la oficejo por rehejmigo de la civilkaptitoj, kies publikigon ni komencas en tiu ĉi N-ro, montras la amplekson de la kampo prizorgota kaj priskribas la ceterе ofte nesufiĉajn instituciojn, kiuj sin okupas pri helpado al la militsuferantoj.

Por eviti tempoperdon kaj senutilajn klopodojn, ni opinias utile rememorigi niajn membrojn kaj ĉiujn uzantojn de niaj servoj, pri tio, kion nia Oficejo *povas* fari kaj ankaŭ pri tio, kion ĝi *ne povas* fari, ĉu ĉar ĝi ne havas sufiĉajn informrimedojn, ĉu ĉar ekzistas jam specialaj institucioj, ĉu pro ŝtataj malpermesoj.

*Transsendado de leteroj.* — Ni povas transsendi privatajn leterojn, sen ia informo de politika aŭ militista karaktero, inter kaj al la militantaj landoj, tiom kiom ili ne rilatas al regionoj militiste okupataj. Ĝis nun (15 januaro) korespondaĵoj por la okupataj partoj de Belgujo, Galicio kaj por Elsaco-Lotringo povis esti transsendataj, sed sen speciala garantio, ĉar en iaj regionoj la poŝtservo ne funkcias plu aŭ la transsendado de leteroj el la malamika lando estas malpermesata. Ni *ne* povas transsendi leterojn por la okupataj regionoj de Francujo (nordaj kaj nord-orientaj departementoj) kaj de Polujo, same pri la germanaj kolonioj. Ĉiuj klopodoj por rearanĝigi la poŝtservon kun la supre nomitaj regionoj restis ĝis nun sensukcesaj. Ekzistas nenia leĝa rimedo korespondi kun ili.

Ĉiu transsendota letero estu akompanata de du internaciaj respondkuponoj kaj de preta koverto kun la adreso de la ricevonto. Tiun lastan informon oni ripetu ĉe ĉiu sendaĵo.

Ni konstatis, ke en ĝenerala maniero la korespondaĵoj povas esti skribataj en la diversaj naciaj lingvoj kaj en Esperanto. Tamen, kie estas cenzuro, la leteroj skribataj en la nacia lingvo de la ricevonto, ofte alvenas pli certe kaj rapide.

*Perditaj personoj, rifuĝintoj, civilkaptitoj.* — Tiuj esploroj estas ofte tre malfacilaj pro manko de sufiĉaj informoj. Ni tamen povis kontentige respondi multajn informpetojn, ĉu per rilatoj kun Delegitoj, ĉu per senperaj klopodoj. Ĉar la kazoj estas tre diversaj, ni ne povas doni detalajn klarigojn. Ni nur rememorigu, ke oni sendu al ni ĉiujn informojn, kiuj ebligas plifaciligi niajn esplorojn. Anstataŭ peti nin skribi al tia aŭ alia adreso, estas preferinde laŭeble redakti la leterojn rilatajn al la farotaj esploroj, kaj ilin ekspedi al ni por transsendo al la adresatoj. Tiu procedo estas pli rapida kaj multe ŝparas nian tempon. La Delegitoj de UEA kompreneble povas utile servi ĉe tiaj esploroj; la membroj rilatu kun la Delegitoj de la malamika lando pere de nia Oficejo.

Pri personoj restintaj en la okupataj regionoj, kun kiuj la korespondado ne estas ebla (norda kaj nord-orienta Francujo, Polujo), ni *ne* povas doni informojn.

La nombro de la rifuĝintoj estas tre granda. Ofte, familianoj estas tute disigitaj, kaj nenion plu scias unu pri la aliaj; sed la esploroj por ilin ree interrilatigi estas tre malfacilaj pro tio, ke ekzistas nur nekompletaj kaj lokaj listoj de rifuĝintoj; ofte tiaj listoj eĉ tute mankas. Ni do povas helpi nur en tiuj okazoj, kiam la petanto jam posedas kelkajn informojn aŭ almenaŭ supozojn pri la loko, kie troviĝas la serĉataj personoj.

Pri serĉado de civilkaptitoj aŭ de personoj forkondukitaj de la okupantaj armeoj, ni ne povas doni informojn. Ĝenerala listo de tiaj kaptitoj ne estas; ekzistas nur listoj laŭ la lokoj, kie estas internigitaj tiuj personoj. Petojn pri rehejmigado inter Francujo-Germanujo-Aŭstrio-Hungario kaj rilatajn informpetojn oni direktu al la oficejo por la rehejmigo de la civilkaptitoj en *Bern*. Pri garantiuloj funkcias speciala oficejo en *Basel* (Freie Str. 107).

*Militkaptitoj, malaperintoj.* — Ni ricevis multnombrajn informpetojn pri serĉado de malaperintaj militistoj en la diversaj militkampoj; sed ni plej ofte nur povas transdoni ilin al la diversaj agentejoj, fonditaj de la Ruĝa Kruco, por la serĉado de militkaptitoj (Ĝenevo, Kopenhago, Petrograd, Nisch).[1] Nur tiuj institucioj ricevas de la regnaj administracioj la oficialajn listojn de la kaptitoj kaj sekve havas la eblon informi la parencojn. Se oni ne ricevas respondon el la supre nomitaj agentejoj, tio montras, ke la esploro ne ankoraŭ liveris rezultaton. Sed oni ne senesperiĝu pro tio! Okazas, ke la listoj de kaptitoj estas ofte neregule aŭ prokraste ricevataj de la Ruĝkrucaj agentejoj; plie la laboro estas grandega kaj malfacila.

Kelkaj personoj petis Delegitojn viziti militkaptitojn internigitajn en ilia urbo. Tiu peto, kiun niaj reprezentantoj volonte plenumus, estas ofte tute nerealigebla. Pri tio ne ekzistas absoluta regulo. En kelkaj landoj oni permesas, en aliaj oni malpermesas; eĉ en la sama lando ekzistas malsamaj reguloj laŭ la lokoj. Ni do transsendas tiajn petojn, sed oni ne plendu, se ofte okazas nenia rezultato pro la supra malpermeso.

Monsendojn kaj leterojn oni povas sendi al la kaptitoj senpere (per Svisujo aŭ per Svedujo) kaj senafranke; pakajojn ankaŭ ĝis 5 kgr. Se tamen oni preferas uzi nian perecon, oni povas tion fari koncerne la leteroj (kiuj tiuokaze estu afrankataj), sed *ne* koncerne la pakaĵoj. Tiuj lastaj ofte enhavas lanaĵojn aŭ objektojn, kies eksportado el Svisujo estas malpermesata. Ili do estas nesendeblaj per ni. Oni ilin ekspedu senpere aŭ per la Ruĝkrucaj agentejoj speciale aranĝataj por tio.

Ni ankaŭ nenion povas fari pri nerespondo de militistoj al leteroj de parencoj. Pri tio oni sin turnu al la lokaj aŭtoritatoj.

* * *

Multaj Delegitoj, ĉu laŭ nia peto, ĉu memvole, per gazetartikoloj bonvolis atentigi la publikon pri la servoj de UEA. Tre utila estas tiu agado, kiu havigis al ni amason de demandoj. Sed ni tre rekomendas, ke ĉe similaj artikoloj oni *precize* sciigu, kion ni povas fari kaj kion ni ne povas fari. Oni sin detenu de trograndigoj aŭ suprajaj informoj, kiuj havigas al ni grandan vanan laboron kaj al la publiko seniluziiĝon.

*La Direktoro de UEA.*

# Esperantia Parolejo

## Oni laŭdas!

∴ La sekretariejo de *G. E. A.* en Dresden varme dankas S-ron Tellini, Del. Bologna, pro liaj multnombraj servoj por retrovo de germanoj perdiĝintaj fremdlande.

∴ S-ro *D-ro A. Mondini,* Del. Stenico, pro faritaj servoj kore dankas S-rojn J. Karsch, Del. Dresden, J. Aumayr, Del. Linz, F. Chierego, Del. Trieste, S. Szabuniewicz, Del. Moskvo. „Precipe S-ro Szabuniewicz meritas specialan mencion pro la multaj klopodoj, kiujn li devis fari pri la serĉado de aŭstriaj militkaptitoj en Rusujo kaj pri la transsendo de la korespondado al ili."

∴ S-ro *D-ro A. Mondini,* Del. Stenico, dankas S-ron V. Kraus, Del. Praha, kiu klopodis por la elserĉado de militvundito.

[1] Vidu *Esperanto,* N-ro 173 (1), paĝ. 3.

# KAJ NUN?

**dediĉita al ĉiuj reformemaj Esperantistoj**

Ni ricevis de P-ro R. de Saussure la jenan alvoko-leteron, kiun ni volonte presigas:

„En aŭgusto 1914, kiam bombsimile eksplodis la nuna militego, oni povis konstati ĉie tiun strangan fenomenon: en ĉiuj Eŭropaj landoj subite ĉesas la bataloj inter la diversaj politikaj partioj; la samlandanoj forgesas siajn interdisputojn kaj alkuras sub la nacian standardon por defendi la patrujon. Rezulto: kie antaŭe regis malordo, malpaco, malforto, tie nun regas disciplino, unueco kaj sekve forto nevenkebla.

Nu, tiun instruon ĉu scios profiti la Esperantistaro? Ankaŭ nian popolon la militego surprizis en plena anarĥio:[1] de preskaŭ sep jaroj regis inter niaj vicoj severa krizo, kaŭzita de la demando pri reformo de nia lingvo. Certe tre grava estas tiu demando, kaj oni ne devas suspekti la sinceron de la samideanoj, kiuj batalis por reformoj. La demando estas tre malsimpla; la aplikoj de la lingvo internacia estas tiel multaj kaj tiel diversaj, ke oni devas ne miri pri la diverso de opinioj.

Sed nun la demando fariĝis tute alia. Ĝi ne plu estas: ĉu ni devas reformi aŭ ne? Ĝi estas: ĉu ni volas vivi aŭ morti?

Konsciante la gravecon de la krizego tutmonda kaj la danĝeron por nia movado, ĉiuj samideanoj forgesu siajn interdisputojn kaj alkuru sub la verdan standardon por konservi la vivon de nia lingvo.

* * *

Eble oni demandos: kial vi ne parolis tiel pli frue? Mi ripetas, ke en tempo de paco la disciplino estas pli malfacile atingebla ol en tempo de milito aŭ danĝero. Dum la lastaj jaroj estis tute neeble ĉesigi la disputojn inter reformistoj kaj konservemuloj. La origina kaŭzo de la malpaco estis en la proceduoj de la tiel nomita „Delegacio", kiu pretendis reformi mem la lingvon anstataŭ nur proponi reformojn al la Lingva Komitato, kiu sola estis kompetenta por esplori la demandon pri reformoj.

En tiu epoko S-ro Moch kaj mi, ambaŭ reformemaj akademianoj, tamen protestis publike kontraŭ la pretendoj de la Delegacio. Sed pli poste S-ro Moch forlasis la Akademion kaj fariĝis Idisto, tiamaniere ke mi restis en la Akademio kvazaŭ la reprezentanto de reformemo. Tamen, oni bonvolu atenti, ke mia reformemo celis ne *teorian* plibonigon de la lingvo (kiel proponis la Idistoj); kontraŭe mi sukcesis montri, ke la Esperanta metodo de vortformado estas la sole ĝusta teorie kaj praktike,[2] kaj mi proponis nur reformojn *praktikajn,* kiel ekzemple la forigon de literoj supersignitaj, la konformigon de la scienca vortaro kun la jam ekzistanta teknika vortaro internacia, ktp.

Mi bone konsciis, ke post la fiasko de la Delegacio la interkonsento pri iu ajn reformo fariĝis preskaŭ neebla; tamen mi daŭrigis esplori la lingvon, ekzameni ĝiajn mankojn kaj diversajn reformproponojn. Kaj tiun longan laboron mi ne bedaŭras, ĉar mi povas diri, ke nun mi konas la

[1] Tiu aserto ŝajnas al ni tre dubinda. Ni opinias, ke antaŭ la milito la stato de nia movado estis pli prospera ol iam; la demando pri reformo de nia lingvo priokupis vere malmultajn Esperantistojn. *(Red.)*

[2] Vidu „La Vort-teorio en Esperanto", aĉetebla ĉe la „Esperantia Librejo", 10, rue de la Bourse, Genève (Svisujo). Prezo Sm. 0. 80.

Esperantan lingvon pli funde kaj havas pli klaran ideon de la principoj sur kiuj ĝi estas bazita. La samideanoj, kiuj ne aprobis mian sintenadon, devas almenaŭ konfesi, ke mia esploro de la lingvo alportis novajn ideojn kaj principojn en la teorion de Esperanta vortfarado.

Sed nun, ĉar la demando pri reformo de la lingvo estas tute traesplorita, kaj ĉar neniu ĝenerala interkonsento estis atingebla, mi petas ĉiujn reformemajn Esperantistojn deturni ilian atenton de la reforma demando kaj denove labori vigle por la propagando Esperanta. Se ni ĉiuj faras tion kaj oferas niajn personajn preferojn al la komuna celo, mi estas certa, ke post la nuna militego Esperanto faros denove grandan paŝon antaŭen; per nia ofero ni alportos en ĝin novan sangon, novan spiriton, la disputoj ĉesos, kaj la veraj venkantoj de la milito estos la Esperantaj soldatoj, ĉar nur ili alportos la veran pacon, al kiu la tuta mondo baldaŭ alsopiros.

* * *

Nur unu vorton mi deziras aldoni: kiel logikisto mi estis speciale interesita pri la diversaj reform-projektoj de Esperanto. Sed kiel akademiano mi bone ankaŭ konscias, ke vivantan lingvon oni ne povas submeti al nura logiko. Kaj, se ni reformemuloj oferas nian reformemon por la bono de nia komuna entrepreno, tio signifas, ke de nun ni konsideros Esperanton kiel vivantan lingvon, simile al la aliaj lingvoj gentaj, ĉar nur tiamaniere ni regajnos unuflanke profitojn, kiujn ni perdis aliflanke. Efektive granda profito estas la certo, ke de nun oni laboros sur neŝanĝota fundamento, ke oni povas presigi aŭ eldoni librojn en definitiva lingvo.

Kompare al tio malgravaĵoj kiel „menso" anstataŭ „mento", ktp., estas tute neatentindaj. Eĉ la grava malhelpo de la supersignoj aperos kiel ne pli grava ol tiu de la supersignoj en la naciaj lingvoj, des pli ke per la Esp. supersignoj la ortografio estas pli fonetika, ktp.

Do, se mi nun akceptas, ke Esperanto Zamenhofa estas la definitiva formo de la lingvo internacia, tio signifas, ke de nun mi konsideros ĝin kiel *vivantan* lingvon, kaj tio signifas, ne ke mi estos iom malpli reformema ol antaŭe, sed ke mi fariĝos tute konservema kaj sidos en la Akademio flanke de P-ro Cart.

Oni diras: „Ekstremoj sin tuŝas." Koncerne la lingvon internacian tio ne estas mirinda, ĉar oni povas ĝin konsideri dumaniere: aŭ kiel artefaritaĵon submetitan al la arbitraj decidoj de iu Akademio, aŭ kiel vivantaĵon, kiun la Akademio nur kontrolas kaj konstatas.

Januaron 1915.

*René de Saussure*,
(Antido),
27 Lombachweg, Bern.

*P. S.* — La ĉi supra letero estas alvoko al ĉiuj reformemaj Esperantistoj kaj eĉ al Idistoj, ke ili forlasu siajn preferojn kaj vanajn klopodojn, por denove propagandi por la sola vivanta lingvo internacia: Esperanto Zamenhofa. Bone estus, se la aprobantoj sendus al mi siajn nomon kaj adreson, ĉar la publikigo de tiuj nomoj estos bona instigilo kaj ekzemplo por aliaj, kiuj ankoraŭ hezitas.

(Ĉiuj gazetoj Esperantistaj bonvolu represi la ĉi supran alvokon.)

---

# Al niaj legantoj

*Oni facile komprenos, ke en la nunaj cirkonstancoj, la eldonado de* internacia *Esperanta gazeto, kiel* „Esperanto", *ne estas facila afero, precipe laŭ financa vidpunkto.*

*Tamen, opiniante, ke ankaŭ en la nuna tempo, ligilo inter la diverslandaj Esperantistoj estas utila, ni reaperigis* „Esperanto" *malgraŭ diversaj malfacilaĵoj. Sed por ke ni povu daŭrigi nian taskon, necesa estas la apogo de niaj abonantoj. Ni do tre petas, ke ĉiuj personoj, kiuj povas tion fari, bonvolu sendi al ni sian reabonon post ricevo de la speciala pagavizo. Oni, escepte, ankaŭ povas sendi duonjarajn abonojn po Fr. 2.50. Abonantoj mobilizitaj, kiuj estus malhelpataj sendi la reabonon, daŭros ricevi la gazeton dum sia mobiliziĝo.*

*Plendemaj personoj ĉiam ekzistos. Iu skribas al ni, ke nun la abono fariĝis tro kara. Li estus pli proksima al la vero, se li dirus, ke la ĝisnuna abono kun duonmonata apero estis tre malkara. (Li komparu kun multaj aliaj Esp. gazetoj.)* „Esperanto" *povas ekzisti sendeficite en la antaŭaj aperkondiĉoj nur kun sufiĉe granda nombro de abonantoj. Ĉar neeviteble la milito malfaciligas la repagon, ni devas antaŭkalkuli senteble malpli altajn enspezojn. Ĉiu konfesos, ke starigi deficitojn nenion solvas; ni do estas momente devigataj aperigi nian gazeton nur monate.*

*Alia plendas pri neapero de* „Esperanto" *dum la lastaj kvin monatoj kaj ŝajne opinias, ke tiamaniere ni multe ŝparis. Li forgesas, ke se ni ŝparis la pres- kaj sendkostojn, ni aliparte tute ne povis enkasigi la tre multajn reabonojn, kiuj finiĝis de julio ĝis decembro, ke sekve niaj enspezoj same plimalgrandiĝis. Ni volonte konfesas, ke tiel kelkaj el niaj abonantoj iom malprofitis, sed . . . ni ankaŭ. Dum milita periodo, juste estas, ke ĉiu havu parton en la ĝenerala domaĝo. Internaciaj gazetoj, kiel nia, nun grave suferas: malplimultiĝo de abonantoj kaj helpantoj, manko de anoncoj, malfacila ekspedo, ktp. Ĉar malgraŭ tio ni devas pagi nian presiston, fariĝis necese aliigi provizore la aperkondiĉojn. Ju pli multope oni reabonos, des pli ni povos realproksimiĝi al la normala stato, kiun ni mem tre deziras.* ESPERANTO.

# Niaj Mortintoj

La jenaj samideanoj mortis sur la batalkampo. Al iliaj familioj ni sendas la esprimon de niaj respektplenaj kondolencoj.

**Oskar Fromm,** el Berlin-Charlottenburg, fondinto de la Esp. Societo Charlottenburg kaj Katolika Esp. Grupo en Berlin, membro N-ro 4833.

**Peter K. Geier,** el Graz, dua sekretario de la Stiria Esp. Societo, tre fervora Del. de UEA en Graz, kie li sukcesis krei viglan Esp. movadon.

**Paul Groh,** Esperantisto el Plauen.

**Erich Hähnert,** Esperantisto el Leisnig.

**J. Kupsch,** Esperantisto el Mülhausen i. Thür.

**Theo Leber,** Esperantisto el Stuttgart.

**Ottmann Lensler,** Esperantisto el Heidenheim a. Brenz.

**Medenwald,** Esperantisto el Köln.

**Bremer Oetker,** Esperantisto el Bremen.

**D-ro F. Priester,** Esperantisto el Wien.

**Schuster,** Esperantisto el Regensburg.

**Christian Wotschack,** Esperantisto el Regensburg.

## Grava Korekto

En nia lasta N-ro ni, laŭ *Germana Esperantisto*, anoncis la morton de **D-ro Odo Bujwid**, prezidanto de la Loka Organiza Komitato de la jubilea Kongreso de Esperanto en Kraków. Feliĉe, tiu informo ne estis ĝusta. Nia eminenta samideano efektive havis aŭtomobilan akcidenton, sed li resaniĝis kaj nun bonfarte plenumas sian oficon, „batalante per siaj bakterioj kontraŭ ĉiuj infektaj malsanoj", skribas S-ro Rudnicki, nia Del. en Kraków.

Al nia estimata samideano ni deziras en plena saneco ankoraŭ multajn feliĉajn jarojn.

# Esperantistaj militkaptitoj

*Dua listo*

*Boyard, Raoul,* el Amiens, Lager Minden (Westphalen).
*Brémond, Frédéric,* Vicprez. de la Esp. Federacio Provenca, Hammelburg (Bavarujo).
*Fourché, Albert,* el Amiens, Schiessplatz-Gehöft, 6. Zelle, Wahn bei Köln.
*François, Gabriel,* el Amiens, civilkaptito, 5. Gruppe, Minden (Westphalen).
*Guinot, Fernand,* el Troyes, Baraque F 59, Lager Grafenwöhr (Bavarujo).
*Mirski, Boris,* el Lodz, civilkaptito, Gefangenenlager 4, Münster.
*Motrenko, Vasilij,* el Blagoveŝĉenk, J. R. 82, Josefstadt (Bohemujo).
*Suel, Jean,* franca Esperantisto, Altengrabow bei Magdeburg.

* * *

Ni petas, ke oni bonvolu kompletigi tiujn listojn, sendante al ni la nomon, kaj adreson de la militkaptitaj Esperantistoj, kies adreso estas konata.



PRESEJO BÜCHLER & KO., BERNO